milita kongreso en Amiens (Amjen) fiksinta la sendependecon de Sindikalismo rilate la politikpartiojn".

En ĉi problemo Nacia Sindikato do pli fortiĝas la dekstran flankon de la Franca C. G. T. reformista.

Vernochet, sekretario de l' Internacio de l' Eduklaboristoj, estis skribinta al Nacia Sindikato petante ties aliĝon al tiu internacio. Lapierre (Lapjär) kontraŭbatalis tian aliĝon, kritikante la Internacion de l' Eduklaboristoj, dirante, ke per la financa subteno (kotizaĵoj), ĝi estas nekontesteble sub la influo de la rusa instrulaborista sekcio. Bedaŭrinde la kritikinto ne aludis pri la fakto, ke la rusa sekcio (700 000 membroj) rajtas nur tri voĉojn en Edukintern, tio estas nur unu voco pli ol la Belga sekcio de socialistaj geinstruistoj (4 000 membroj), kiu kvankam aliĝinta al Amsterdam aliĝis al Edukintern kaj rifuzis aliĝi al posta disiga entrepreno Amsterdama (Instruista Internacia Sekretariejo kun konsilvoĉo). Lapierre kritikis la kongressalutan leteron de Vernochet, kiu deklaris: „ke nek infano, nek instruisto donos la pacon al la mondo, sed nur la armita pugno de la laboristo" kaj pretendis, ke tia deklaro neas ĉian edukan agadon.

La kongreso decidis reaprobi siajn antaŭajn decidojn pri la Internacia Instruista Unueco: Sindikato Nacia laboru en la Instruista Internacia Sekretariejo ĉe Amsterdam-Internacio. (Tiu sekretariejo al kiu rifuzis aniĝi la reformista belgia intruistaro socialista, kunligas kelkajn sindikatorganizaĵojn). Nacia Sindikato ankaŭ kunlaboru en la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj, starigitaj en London (Aprilo 1927) sub iniciato de Nacia Sindikato, kaj kuniganta ekster sindikalismo sur pedagogie pacifista bazo kelkajn diverse evoluintajn instruistarojn, ekz. la grandajn Anglajn kaj Germanajn Asociojn. Du Germanaj kaj unu Aŭstria instruistoj ĉeestis la kongreson.

3. La lasta kunsido estis dediĉata al diskuto de raporto de Levasseur (Levasôor') pri naciigado (nationalisation), t. e. naciamonopoligado de l' edukado. Tiu raporto montris nur la multiĝon de la konfesiaj privataj lernejoj dum la senkonfesiaj ŝtataj lernejoj ne ricevas sufiĉan prizorgon.

La duonoficiala gazeto „Revue de l' Enseignement primaire" (Revuo de l' unuagrada geinstruistaro) pri tiu raporto konkludas jene kaj karakterize: „Sola rimedo por prosperigi laikan ŝtatan lernejon estas efektivigi unuecon kaj sendependecon de nova lernejaro kapabla doni intelektan kaj moralan heredaĵon al ĉiuj partioj kaj al ĉiuj konfesioj. Nur Nacia Lernejo povas harmonie kreskigi la sociajn kvalitojn kaj spiriton de l' infanoj — nur tiu povas esti verema kaj senpartieca kaj povas certigi la individuan kaj socian formadon de la civitanoj de libera demokratio. Tiu ideala lernejo devos esti kreata plenkonsente kun la C. G. T. Per tia metodo, laikeco ekhavos sian plenan signifon — kaj dum libera burĝaro ĝin forlasas, ĝi fariĝos la romparo, kiun defendu laborista klaso".

Jen la konkludoj de la raporto de Levasseur:

Nacia Sindikato, opiniante, ke la Edukado estas afero publika kaj ne individua aliĝas al ideo de naciigita instruado karakterizatata per: 1. forigo de privata instruado konfesia, 2. Tuta laikeco (senkonfesieco) de l' edukprogramoj. 3. Laikeco de tuta geinstruistaro.

En alia rezolucio, la kongreso decidas, ke la nova organizaĵo, bazita sur triobla kunagado de ŝtato, uzantoj (gepatroj kaj gelernantoj) kaj teknikistoj (edukistoj) sub kontrolo de la ŝtato, enhavu:

a) ministerion de Nacia Edukado, b) nacian direktan organismon, difin-

onta la sociajn bezonojn pri eduko kaj prizorgonta la materian organizadon de tiu lernejo, c) organismon de psikopedagogiaj esploroj celantaj pliperfektigi la edukan teknikon, d) regionajn kaj departementajn konsilkomitatojn speciale komisiotajn por adapti la edukon laŭ la medio (loko) kaj surpreni la nunajn prerogativojn (taskojn) de la nunaj ekzistantaj konsilkomitatoj, e) lokajn (komunumajn) konsilkomitatojn, f) teknikistojn, pedagogie sendependajn, kontrolotajn de reprezentantoj de la ŝtato.

Nacia Instruista Sindikato krome petas kreon de internacia organismo sub kontrolo de Ligo de Nacioj. Estis decidate, ke la venonta kongreso de Nacia Sindikato okazos dum Aŭgusto 1928 en urbu Rennes (Rän).

M. Boubou.

## Raporto pri Danaj Geinstruistaj Unuiĝoj 1927.

I. La plej grava unuiĝo estas „Danmarks Laererforening", „La Instruist-Unuiĝo de Danujo". Ĝi havis ĉe la fino de 1926 10 477 gemembrojn, loĝantajn en la tuta lando, ankaŭ kelkajn en Kopenhago. Ĝi eldonas semajnan gazeton „Folkeskolen", „La Popola Lernejo". La redaktoro ĵus mortis kaj nova ne estas elektita.

La prezidanto estas instruisto S-ro Carl Dige, Aŭnslev, pr. Hjulby.

La unuiĝo konsistas el pli ol 100 rondoj kun „Rondprezidantoj"; ĝi havas ĉiujare reprezentantkunvenon t. e. ĝeneralkunveno, ĉe kiu 200 reprezentantoj kunvenas por fari decidojn kaj entute pritrakti fakajn kaj pedagogiajn aferojn. Se 40 membroj de la reprezentantaro aŭ se nombro de la membroj tion postulas, oni devas starigi komunan voĉdonon pri gravaj aferoj rilate al la unuiĝo.

II. „Kobenhavns Kommunelaererforening", „La Unuiĝo de Komunumaj Instruistoj de Kopenhago", havas 968 membrojn; prezidanto estas instruisto S-ro Thorkild Jensen.

III. „Kobenhavns Kommunelaererindeforening", „La Unuiĝo de Komunumaj Instruistinoj de Kopenhago", havas 1 246 membrojn; prezidanto estas instruistino F-ino Laŭra Lykke-Sorensen.

Ambaŭ lastaj unuiĝoj eldonas komunan semajnan gazeton „Kommuneskolen", „La Komuna Lernejo". Redaktoro estas lernejestro S-ro P S. Fredebo.

IV. „Den Danske Realskoleforening", „La Unuiĝo de la Dana Reallernejo". Ĝi estas dividita en grupoj:

| | | |
|---|---|---|
| 1. La estrargrupo | . . . . . . . . . . . . | 88 membroj |
| 2. La knabinlernejа grupo | . . . . . . . . . . | 77 membroj |
| 3. La instruistgrupo de la privata lernejo | . . . | 363 membroj |
| 4. La komunuma instruistgrupo | . . . . . . . | 5.5 membroj |
| 5. La neŭtrala grupo | . . . . . . . . . . . . | 141 membroj |
| | entute: | 1204 membroj |

Prezidanto: Lernejestro S-ro Neisig, Nakskov. — Gazeto: „Den Danska Realskole", „La Dana Reallernejo", redaktoro: instruisto S-ro Hugo V. Thompson, Kopenhago.

V. „Gymnasielaerer Foreningen", „La instruistunuiĝo de Gimnazia Lernejo"; membraro: ĉ. 800, Prezidanto: Rektoro S-ro Julius Nielsen. Gazeto: „Gymnasieskolen", „La Gimnazia Lernejo".

VI. „Dansk Fredsforenings Laererkreds", „La Instruistgrupo de la Dana Porpaca Unuiĝo", laboras por instigi paceman movadon en lernejaj rondoj.

Membraro: ĉ. 200. Prezidanto: Instruisto S-ro Ingvard Nielsen, Soborg, Kopenhago. Gazeto: „Fredsbladet“, „La Porpaca Gazeto“.

VII. „Esperanto-Unuiĝo de Danaj Instruistoj“ celas propagandi Esperanton inter geinstruistoj. Prezidanto: Instruistino F-ino Asta Mikkelsen, Kopenhago.

Krom la instruistaj unuiĝoj ekzistas ankaŭ „Pedagogisk Selskab“, „La Pedagogia Societo“, kiu estas pli ol 100-jara, ĝia membraro estas ne nur geinstruistoj, sed ankaŭ homoj, kiuj interesas sin por pedagogiaj demandoj. Prezidanto estas lerneja inspektoro S-ro Hans Kyrre. Gazeto: „Vor Ungdom“, „Nia Junularo“, kiu aperas 10-foje pojare kaj enhavas artikolojn pri ĉiuj vidpunktoj rilate al pedagogiaj aferoj kaj demandoj.

La membraro estas ĉ. 1200.

---

„Danmarks Laererforenings“ havis sian jaran reprezentantkunvenon la 2.–3. Aŭgusto 1927 en Sonderborg. La prezidanto prezentis la jaran raporton.

1. Li priparolis precipe la klopodon de la registaro pri malplialtigo de la salajro,

2. la laboron, kiun faris la estraro por ŝanĝigo aŭ eble forigo de la por instruistoj speciala eksiĝ-paragrafo,

3. la laboron, por helpi al junaj senlaboraj instruistoj,

4. klarigis la tenadon de la estraro rilate al la demando: la popola lernejo kaj la t. n. libera lernejo,

5. priparolis la planojn pri reorganizo de la unuiĝo, precipe la ŝanĝojn de la leĝoj, kiuj estas necesaj, se la kopenhagaj geinstruist-unuiĝoj fariĝus membroj de la „Instruist-Unuiĝo de Danujo“. Asta Mikkelsen.

## Germana Instruistasocio.

(Deutscher Lehrerverein)

fondita en 1871. — Prezidanto: G. Wolff, lernejokonsilisto, Berlin. — Gazeto: Ĝenerala Germana Instruistgazeto (Allgemeine Deutsche Lehrerzeitung) — ĉiusemajna. — Stato: 154112 membroj en 38 grupoj kun 2760 distriktunuiĝoj, la plej granda instruistasocio de l' mondo. — Lasta kongreso: Düsseldorf 1927 (Pentekoston).

### 1. La delegitara kunveno (la 6-an de Junio 1927).

La kunvenintaro decidis antaŭ la tagordo jenan rezolucion kontraŭ konkordato kaj por la komuna lernejo:

La Germana Instruista Unuiĝo kun tutega energio kontraŭas tion, ke konkordatoj aŭ eklezaj konvencioj (kontraktoj, interkonsentoj) estos farataj, kiuj enhavas aŭ ankaŭ nur tuŝas ŝtatajn devoligojn rilate al la lernejo. Tiaj konkordatoj kaj eklezikontraktoj ne harmonias kun la ŝtata lernejoprerogativo, sen kiu la germana popollernejo ne povas plenumi siajn kulturtaskojn.

Rilate al la regna lernejoleĝo la Germana Instruista Unuiĝo postulas, ke la laŭkonstitucia ĝenerala lernejo komuna por ĉiuj infanoj ĉiukaze restas la privilegiita lernejo kaj ke en la federaciŝtatoj, kiuj havas la laŭleĝan lernejon komunan, nur de federacileĝo povas esti aliigita la ekzistanta lernejo. La konstitucie permesitaj lernejoj konfesia kaj laika estu organizataj nur post propono de la edukrajtantoj kaj ne malutilu la lernejan organizon aŭ malplibonigu la lernejan laboron.

La Germana Instruista Unuiĝo akrege batalos ĉiun regnolernejoleĝan proponon, kiu ne kontentigos la klarajn konstituciajn ordonojn.

Kiel estrara loko ree estas elektita Berlin kaj kiel prezidanto lerneja konsilisto W o l f f.

La proksima delegitarkunveno en Braunschweig 1928 okazos, la proksima ĝenerala instruista kunveno en Dresden (1929).

Al la diskuto en ĉiuj landgrupaj asocioj estu submetotaj en 1928 la demandoj pri la finkonstruo lerneja kaj pri la eksterlandaj germanoj (eksterlanda germaneco) kaj la lernejo,

en 1929: La lernejo kiel servanto de la interna kaj ekstera popolrepaciĝoj (paco inter la civitanoj kaj inter la popoloj).

Poste oni pritraktis ekonomiajn temojn:

a) Rigardante la mizeron de la 4 0 0 0 0 s e n o f i c a j g e i n s t r u i s t o j la Germana Instruista Unuiĝo postulas de la regna parlamento, ke tiu enmetu en la budĝeton suplementan novan konton respondan al la mizero de la senlaboraj geinstruistoj kaj al respondeco regna. (En 1926 la regna parlamento konsentis la monsubtenon de 6 milionoj, en 1927 ĝi unue proponis monsubtenon de 2½ milionoj kaj poste rifuzis ĉiun monhelpon).

b) Rilate al la s a l a j r a l t i g o la Germana Instruista Unuiĝo surprizite konstatas, ke spite la grandega mizero ekonomia kaj multaj alarmkrioj el ĉiuj regnaj regionoj la regnaj registaro kaj parlamento malgraŭ multjara interkonsiliĝo faris neniun antaŭzorgon, por forigi la mizeron ekonomian inter la oficist- kaj instruistaro.

La ĝeneralaj ĉefpostuloj pri la salajraltigo estas jenaj: Nova envicigo de la instruistoj kaj oficistoj en la salajrgrupojn, neniu plimultigo de la grupoj, envicigo de la popolinstruistoj en la salajrgrupon apudege antaŭirantan la grupon de la universitate klerigitaj instruistoj.

La 7-an de Junio okazis la

u n u a ĉ e f k u n v e n o

kun la temo, kies elekton kaŭzis la Pestalozzi-jubilea jaro: Antaŭzorgo pri la junulara bonfarto interne de la lernejedukado. — Referatis s-ino Doktoro Bäumer, regnoministreja konsilistino por junularbonfarto, sekvante jenajn ideojn: Ĉiu germana infano havas la leĝe fiksitan rajton pri edukiĝo al korpa, anima kaj socia moralecoj. La laboro por la junulara bonfarto ĝis nun estis precipe laboro forigonta la ekzistantajn edukmalhelpaĵojn. Tamen sekve de la progresonta evoluo de industrio kaj tekniko la edukinfluoj de la familio kaj de la kunvivantaro estas forte malhelpataj. Tial la infano rajtas postuli de la ŝtato certigi al la familio la evoluon de ĝiaj klerigontaj fortoj kaj anstataŭigi la familion tie, kie ĝi ne plenumas siajn devojn.

Rigardante de la vidpunkto de la infanrajto la evoluo de la ekonomio estas unuflanken direktata. Necesas igi la vivon kaj la ekonomion klerigontaj influoj, por ke la germana infanaro povu evolui korpe kaj anime ĉiuflanken. La ŝtato estu pedagogiita. La gepatraro sentu plimulte sian respondecon, la oficistoj de la porjunularaj oficejoj estu intense pedagogiinstruitaj. La pedanteco de tiuj oficejoj estu forigita, kaj ili laboru kune kun la lernejoj.

Tiun lastan ideon aparte pritraktis dua referatinto (Direktoro Lesemann, Hannover), finante sian paroladon per unuanime akceptita rezolucio:

La lernejo estas ĝis nun la sola asocio socia taŭga, kiu sen unuflanka partieco laŭleĝe fiksita plano laboras por la edukado de la tuta junularo

(infanaro) de la popolo per la klopodoj de oficistoj klerigitaj laŭ ŝtataj ordonoj kaj respondaj al la ŝtato. Por plenumi la edukan taskon la lernejo estu rajtigita influi la publikan laboron por la junulara bonfarto en maniero responda al la graveco de la lerneja laboro.

1. Per leĝo oni ligu la oficejojn de la lerneja administracio kaj de la junularbonfartaj aŭtoritatoj laŭ jena modelo: a) landoficejo por la junularo — landoficejo por la lernejo — landkonsilantaro lerneja; b) distrikta oficejo por la junulara bonfarto — distrikta oficejo lerneja — distrikta lerneja konsilantaro; c) loka oficejo por la junulara bonfarto — loka lernejoficejo — lerneja konsilantaro loka.

2. La lernejo estu rajtigata interrilatigi al la oficejo porjunulara ankaŭ la infanojn antaŭ la akcepto ĉe la lernejo kaj post la forlaso de la lernejo. Infangardejoj estu subigitaj al la influo de la lernejoj (Tiuj infangardejoj gardas la infanojn ne vizitantaj la lernejon dum la gepatroj laboras de matene ĝis vespere). Ĉiuj apartaj edukejoj estu submetataj al la kontrolo de pedagogo ŝtata ekzamenita. La estroj de tiuj edukejoj pruvu instruitecon respondan al la celoj pedagogiaj de siaj ejoj.

3. Oni enoficigu ĉe la porjunularaj oficejoj kiel estron nur pedagogie instruitan fakulon. La porjunularaj oficejoj praktiku en la spirito de la ĝenerala homara klerigo sendepende de ĉiu partieca aŭ religia tendenco. La lernejo mem pli kaj pli fariĝu edukejo ankaŭ por la infanoj facile deirantaj de la vojo moraleca.

P i e d n o t o: Porjunulara oficejo — Tiujn oficejojn oni havas en la grandurboj interne de la urba administracio por jenaj celoj: Gardo de la infanoj ĉe edukaj gepatroj; prizorgado de sengepatraj infanoj, kontrolo de la infanlaboro; aparta edukado por malmoraliĝantoj, konsilado ĉe junularaj juĝistaraj aferoj, bonfarto de la suĉinfanoj;, gardo de la patrinoj antaŭ kaj post la nasko, bonfarto de la lerneja junularo ekster la lernejo, zorgo pri la kampara restado de la mizeraj gelernejanoj, lerneja manĝigo.

La d u a ĉ e f k u n v e n o (la 8-an de Junio)
malfermiĝis per la salutparoloj de la eksterlandaj delegitoj. La reprezentintoj de la sveda, nederlanda, angla kaj luksemburga instruisasocioj akcentis la taskon komunan por ĉiulandaj geinstruistoj, konduki la junularon al la homara nobleco. La eksterlandaj germanaj geinstruistoj deklaris malgraŭ ĉiuj kontraŭaĵoj konservi la germanajn kulturaĵojn al la germanaj infanoj eksterlandaj. Poste instruisto B a r t h - L e i p z i g pritraktis la duan ĉeftemon de la Pestalozzi-jubilea jaro: La ideo de la sinadministrado kaj la lernejo: En la tempoj mizeraj por ŝtato kaj ekonomio oni provas veki la fortojn dormintajn de la popolo. Tiamaniere la popolŝtato kreskis el la penso pri la sinadministrado. Necesas idealigi la penson de la sinadministrado bazante ĝin sur la penso de la popola komuneco. La lernejo pretendas la rajton, kiun alie oni donas al plej grandaj rondoj ekonomiaj kaj popolaj, nome igi la lernejanon kunrespondeca. El tio rezultas, ke la lerneja laboro estu aliigita, la vojo kondukos al la perlabora lernejo. La kunvenintaro faris unuanime la proponitan decidon pri sinadministrado jene:

La popolŝtata lernejo devas klerigi la infanojn, por ke ili fariĝu homoj kun agema sento por la ĝenerala bono kaj kapablu iam partopreni la ŝtatan vivon memstare kaj pretante al la respondeco.

La aparteco de la profesitaskoj intruistaj postulas kune kun la rezultaĵoj de la edukscienco la finkonstruadon de la lerneja administrado laŭ la principoj de la sinadministrado.

La Germana Instruista Unuiĝo rigardas kiel lernejon de sia programo la ĝeneralan liberan ŝtatlernejon, por kiu la ŝtato faras la leĝajn fundamentojn, regulas la porinstruistajn instruadon kaj enoficigon, organizas kaj kontrolas la tutan instruadon lernejan.

La Germana Instruista Unuiĝo postulas la aranĝon de la sinadministrado en ĉiuj administradaj oficejoj komenciĝante ĉe la opa lernejo kaj finiĝante ĉe la supera lerneja aŭtoritato per landa kaj regna lernejaj konsilantaroj kiel ĉefa aŭtoritato.

Sur ĉiujn ŝtupojn de la sinadministrado estu starigitaj sinadministradaj korporacioj konsistontaj el elektitoj de ĉiuspecaj lernejoj koncernaj kaj reprezentantoj de la gepatraro.

## Latvia Instruista Asocio.

(Latvijas Skolotaju Savieniba).

L. I. A. fondis la kongreso de instruistoj de Latvio en Tartu en 1917-a jaro. Dum nuntempa Latvio estis parto de la cara Rusujo, oni malpermesis la profesian organizon de instruistoj. Post la revolucio de 1917 la cirkonstancoj ŝajniĝis; kun la politika libereco ebliĝis ankaŭ profesia organizo de instruistoj. La kongreso de instruistoj en Tartu diskutis krom aliaj gravaj demandoj pri lerneja politiko ankaŭ la demandon pri organizo de instruistoj kaj akceptis rezolucion, kiu invitis instruistojn fondi profesiajn organizaĵojn kaj aliĝi al Asocio. Komence la inviton povis sekvi nur malgranda parto da instruistoj, kiu estis dissemita en la vasta Rusujo. Tamen tiuj, kiuj restis en Riga kaj Vidzeme (Kurzeme estis okupita de germanoj), fondis unuajn profesiajn organizaĵojn, kiuj aliĝis al Asocio. La estraro de la Asocio, kiun elektis la kongreso, diligente eklaboris: komencis eldoni pedagogian gazeton „Latvijas Skola“ kaj invitis instruistojn al kunvenoj, por trovi vojojn al nova lernejo. La germana okupado ĉesigis tiun laboron. Komence de Septembro germana armeo okupis Riga-n kaj poste (en Februaro 1928) la restan teritorion de Latvio. La socia vivo mortis, ĉar ĉiuj organizaĵoj estis fermitaj kaj kunvenoj malpermesitaj. Kiam germana armeo laŭ la Versala traktato lasis Latvion, en ĝi komencis la regado de komunistoj. Ankaŭ ĉe la komunistoj la Asocio ne povis renovigi sian laboron. Nur post la malvenko de la komunistoj kaj likvido de la bandoj de Bermonto (Novembro 1919) la Asocio renovigis la interrompitan laboron. Ĝi estis tre intensiva. Baldaŭ tutan Latvion kovris instruistoj profunuiĝoj, kiuj preskaŭ ĉiuj aliĝis al Asocio.

Nuntempe en la Asocio estas unuigitaj 32 instruistaj organizaĵoj, inter ili ankaŭ 4 de malplimultoj (minoritatoj): 2 hebreaj, 1 rusa, 1 blankrusa. En Asocio estas unuigitaj pli ol 3000 instruistoj. Dum la tuta tempo de sia ekzistado la Asocio pleje atentis: 1. la unuiĝadon de instruistoj; 2. la defendon de jura kaj ekonomia stato de instruistoj; 3. la plivastiĝon kaj profundiĝon de ilia kleriga nivelo kaj 4. la akceladon de popola klerigado. Por atentigi tiujn-ĉi celojn la Asocio kunvokis kelkajn kongresojn, konferencojn kaj kunvenojn, aranĝis kursojn, pedagogiajn seminojn kaj referatojn, organizis pedagogian oficejon, kiu donas konsilojn kaj gvidas la instruistojn-serĉantojn en serĉado de novaj vojoj de klerigo, aranĝis pedagogian muzeon, kie oni donas konsilojn al instruistoj pri uzado de instruiloj. Krome la Asocio eldonas dusemajne pedagogian revuon por instruistoj kaj gepatroj. El neperiodaj eldonaĵoj estas menciindaj la serioj „Lerneja Literaturo“ kaj

„Historiaj Fontoj“. Al historiaj instruiloj oni devas aldoni ĉ. 600 historiaj diapozitivoj de antikva, meza kaj nova epoko,. Multe da energio dediĉis la Asocio al propagando kaj defendo de demokratia lerneja sistemo. Jam de sia fondiĝo la Asocio agitis por la sistemo de unuigita lernejo. Ĝi konsistas el prepariga (Vorschule) 1-2 lernejjaroj kaj fundamenta (Grundschule) 6-klasa lernejo, kiuj estas devigaj al ĉiuj infanoj. Post la fundamenta lernejo oni povas transiri sen ekzamenoj al meza aŭ profesia lernejoj kun 4-5 jara kurso. Por la ceteraj infanoj estas deviga perfektiga lernejo. La Asocio atingis, ke la parlamento preskaŭ entute akceptis tiun projekton en speciala leĝo pri klerigaj institucioj kaj laŭ ĝi aranĝis ĉiujn lernejojn en Latvio. La laboro de Asocio ne limigis por Latvio. Ĝi etendis ankaŭ trans la limoj. Laŭ iniciativo de Asocio fondiĝis en Riga Internacia Oficejo de Instruistoj, en kiu partoprenas la instruistoj de Latvio, Estonio kaj Litovujo. La oficejo kunvokas ĉiujare internaciajn instruistajn konferencojn. Ĝi okazas laŭvice en Riga, Kaunas kaj Tallin. Ne malpli ol la idean laboron la Asocio atentis la materialajn interesojn de instruistoj. Ĝi klopodis por plialtigo de salajro kaj por pli bona aranĝo de ĝia elpago. Laŭ iniciativo de Asocio oni fondis apartan komunan malsanulan kason por instruistoj, al kiu estas aliĝintaj preskaŭ ĉiuj instruistoj de Latvio. Plie ŝparkaso kaj kooperativo. Tiuj-ĉi institucioj laboras en konsento kun la Asocio kaj apogas ĝian laboron materiale. La Asocio posedas domojn en Riga, ĉe Riga marbordo kaj bienon apud Tukum, kie la instruistoj povas somere ripozi.

La estraro konsistas el prezidanto P. Kula, vic-prez. I. Ritinŝ kaj de J. Ivanovskis, K. Dekens, Fr. Osis, J. Aberbergs, Fr. Vitenbergs kaj K. Videnieks. La gazeto estas „Musu Nakotne“ (Nia estonto).

K. Bruklis, Aisunga, Latvio.

## Instruistaj Asocioj en Novzelando.

„Novzelanda Instituto Edukada“. — Membronombro 5156. — Gazeto: „National Education“ — monata. — Prezidanto: S-ro F. L. Combs, M. A. — Jara kunveno ĉe Wellington, 9.—13. Majo 1927. — Ĉefaj decidoj: Ke tiu ĉi jara kunveno jesas kiel opinio pri la dungado de edziĝintaj instruistinoj ke edzigeco ne devus veni en la demandon pri la dungado de instruistoj. — Ke pro la granda nombro de instruistinoj kaj la specialaj bezonoj de knabinoj en niaj lernejoj la tempo venis por la enoficigo de kapablaj virinoj en la inspektoraro kaj administracio de la Edukada Fako. — Ke definitiva periodo de forpermeso estu permesata al geinstruistoj post dek jaroj de laboro por la celo de eduka veturado eksterlanden. — Ke ĉiuj komencantaj instruistoj, enkalkulante novicojn kaj studentojn de instruistaj kolegioj aŭtomate iĝu pagantoj al la pensiuma konto. — Ke la subteno de la ministerio por Edukado estu petita por la jena propono: ke la Edukada Fako liberigu du instruistojn nomitajn de la Instituto el instrua laboro, por ke ili laboru kun oficisto de la Fako en la preparado de nova salajra skalo laŭ celo 8 de la Instituto (Fundamenta salajro por instruistoj estu pagata sendependa de meza nombro de geknaboj vizitantaj, kun aldonoj por servado, diplomoj profesia kaj hejma respondeco).

„New Zeland Asocio de Lernejestroj“. — Prezidanto: A. J. C. Hall. — Gazeto kaj jara kunveno kiel „Newzelanda Instituto Edukada“. — Ĉefaj decidoj:

Ke la instruistaroj de lernejoj estu laŭ nombro de lernantoj kaj ne laŭ meza vizitado. — Ke la Fako klopodu pri la presado de normigitaj kaj diagnostikaj testoj por uzado en ĉiuj lernejoj en N. Z.

„Asocio de subinstruistoj en N. Z.-aj ŝtataj Lernejoj“. — Prezidanto: H. R. Fisher. — Gazeto: „National Education“. — Jarkunveno: 9-an de Majo 1927. Decidoj: Ĉar estas tiom multaj instruistoj senoficaj ni opinias, ke la tempo estas taŭga por tuja malpliigo de la grandeco de la klasoj kaj konforme pliigo de la instruistaroj.

„Novzelanda instruistina Asocio“. — Prezidanto: F-ino Edmed. — Gazeto: „National Education“. — Jara kunveno: 14-an de Majo 1927. — Decidoj: Ke tiu ĉi asocio forte plendu pri la tendenco de Edukadaj Konsilantaroj, diferencigi inter fraŭlinoj kaj sinjorinoj, kie tia diferencigo neniigas la gradigitan liston, kiu estas la oficiala normo de lerteco. — Ke por la utilo de la infanoj kaj la ŝtato neniu klaso devus superi tridek lernantojn po diplomita geinstruisto en la infana fako, kaj ke en la meza fako ne devus superi tri-dek-kvin.

Atentu ke la superaj asocioj estas efektive nur specialaj fakoj de la N. Z.-a Edukada Asocio unue menciita.

C. J. Adcock, D. B. E A., lernejestro,
Te Uku, Aucklando.

## Kelke da vortoj pri Instruista Asocio en Pollando.

La pola instruistaro de unuagradaj — elementaj — lernejoj en Polio fondis sian profesian Asocion — pollingve „Zwiazek Polskiego Nauzsycielstwa Szkol Powszechnych“ — Z. P. N. S. P. — en Aprilo 1919. Antaŭ la mondmilito polaj instruistoj estis organizitaj nur en aŭstria parto de Pollando, en la rusa parto instruistoj kunvenadis kaŝe, konspire. — La Instruista Asocio havas 37598 membrojn, t. e. 59,2% de tutlanda diversnacia instruistaro. Ekster la nomita unuiĝo staras malforta Kristan-Nacia Instruista Societo kaj malgrandaj alinaciaj organizaĵoj. La celoj de Z. P. N. S. P. estas jenaj: a) kunigi ĉiujn instruistojn en la republiko por la plibonigo de ekonomia kaj intelekta stato de la membroj, b) defendi la sociajn kaj jurajn rajtojn de ili, c) progresigi la metodojn de instruado kaj popolan klerigon, d) helpi al ekonomia progreso de la lando.

Dum kelkaj jaroj de sia ekzistado la Asocio senĉese postulas por ĉiuj infanoj senescepte devigan 7-jaran instruadon en elementaj lernejoj, kiel fundamenton por la postea 5-jara mezlernejo. Tiujn-ĉi postulojn kaj aliajn submetas en la parlamento kaj senato 11 asocianoj — 2 senatanoj kaj 9 parlamentanoj el centraj kaj maldekstraj partioj. La prezidanto de Z. P. N. S. P. estas de komenco energia kaj multŝatata senatano Stanislaw Nowak.

La ĉefestraro de la Asocio eldonas en Varsovio — Warszawa — kelke da gazetoj kaj revuoj. Ĉiu membro ricevas ĉiusemajne ampleksan „Glos Nauczycielski“ — „Voĉo de l' Instruisto“ — kun sciigoj pri profesiaj aferoj, la monata aldono „Praca Szkolna“ („Lerneja Laboro“) enhavas artikolojn pri instruado kaj edukado. Krom tiuj aperas — monata scienca revuo „Ruch Pedagogiczny“ („Pedagogia Movado“), kvaronjara „Szkola Specjalna“ („Speciala Lernejo“) por la instruistoj de blinduloj, surdmutuloj k. a., — kvaronjara „Polskie Archiwum Psychologji“ („Pola arĥivo de psikologio“), — dumonata „Polska Oswiata Pozaszkolna“ („Pola eksterlerneja klerigado“), — kvaronjara „Roboty reczne“ („La manlaboroj“), — la monata „Wiedza i Zycie“ („Scienco kaj la vivo“), — fine belaspektaj, ilustritaj, ĉiusemajne

aperantaj „Plomyk“ kaj „Plomyczek“ („La Flamo“ kaj „La Flameto“) por gelernantoj de elementaj lernejoj. Al tiu ĉi aro da gazetoj oni devas aldoni dek lokajn instruistajn gazetojn, eldonatajn en pli gravaj urboj de la lando. La plimulto da instruistoj laboras en malbone aranĝitaj, malvastaj lernejĉambroj, tial ili ofte malsaniĝas kaj mortas pro ftizo. En la vicoj de unuigita kolegaro aperis penso, ke estas necese savi malsanulojn. La V-a ĉefkunveno de delegitoj en 1923 decidis unuanime, ke ĉiu membro krom ordinara kotizo pagu ĉiumonate imposton 1%-an de sia salajro. is Ĝnun oni kolektis tiavoje 2 500 000 zl. (280 000 dolarojn). Tiu ĉi monsumo sufiĉis por konstrui grandegan imponan sanatorion, aranĝitan laŭ la plej novaj metodoj. Ĝi akceptas 200 ftizulojn. En la pura aero de Tatry-montaro la malsanuloj ofte reakiras sanon kaj fariĝas pli fervoraj pioniroj de la Asocio. Proksime de Zakopane, kie troviĝas la Sanatorio, oni aĉetis bienon, kiu liveras produktojn — nutraĵon por la malsanuloj. Sanaj gekolegoj bezonas ripozlokon dum somera libertempo. Por ili estas organizataj ripozkolonioj kaj pensionoj en ses lokoj apud la maro kaj en la montaro. En Zakopane la Asocio havas propran Turistan Hejmon. Multaj sekcioj prenis al si parton de la multflanka laboro de l' Asocio. Ekzistas apartaj fakoj por antaŭlerneja edukado, desegnado, muziko, instruistaj ekskursoj, eksterlandaj interrilatoj k. a. Estas projektata arango de Kongreso por slavlandaj instruistaj asocioj. La ekskursa sekcio akceptis kelkajn grupojn de ĉeĥaj kaj slovakaj instruistoj kaj organizis krom tio la unuan ekskurson eksterlandan al Ĉeĥoslovakio. Laŭ decido de la lasta ĉefkunveno (Novembro 1927) la 1%-a imposto estas de nun destinata por konstruado de instruistaj hejmoj en pli gravaj urboj. La instruista hejmo en la ĉefurbo enhavos inter alie loĝejojn por infanoj de instruistoj kaj orfejojn. B. Gluchowski.

## La Konferenco de Geinstruistoj en Litovio.

La 31-an de Decembro 1927 en Kaiŝiadoriai okazis la konferenco de la geinstruistoj de la distrikto Trakai. Partoprenis ĉirkaŭ 80 geinstruistoj.

Inter alie k-do E. Mediŝaŭsko parolis pri la internacia lingvo Esperanto. Poste estis akceptita la jena rezolucio:

„La 31-an de Decembro 1927 la konferenco de la geinstruistoj de la distrikto Trakai, aŭskultinte la paroladon de instruisto Edv. Mediŝaŭsko pri la internacia lingvo Esperanto kaj vidinte ke internacia lingvo Esperanto estas tre utila, sufiĉe disvastigita kaj en diversaj lernejoj por diversaj celoj vaste uzata, decidis:

1. rekomendi al ĉiuj geinstruistoj lerni internacian lingvon Esperanton,
2. per diversaj rimedoj apogi kaj disvastigi la menciitan lingvon,
3. peti la Ministerion de Klerigo, fondi dum somera libertempo kurson de la lingvo internacia Esperanto por la geinstruistoj de la elementaj lernejoj.“

E. Mediŝaŭsko.

## KORESPONDADO.

**Svedujo:** Jenaj sinjoroj en Svedujo deziras korespondi kun samideanoj: S-ro P. K. Almgren en Surahammar (germanlingve) kaj Gustav Gullin en Endre, Sylfaste, Gotland (esperante). — Oni sin turnu al ili.



Presejo : Dr. Karl Pickert, Leitmeritz. Bohemio.

# DIVERSAĴOJ.

## I. P. R. kiel informilo.

Glos Nauczycielski (Pola instruista gazeto), n-ro 3, 1928 aperigas du artikolojn el IPR, n-ro 5-6, 1927, tradukitajn de nia amiko B. Gluchowski, Warszawa.

## Kunlaborantoj por IPR.

Prof. Dr. Wicke-Chemnitz ankoraŭ eniris la rondon de niaj kunlaborantoj, kiujn ni anoncis en n-ro 1, 1928.

## Donaco al IPR.

K-o Spange-Leipzig donacis 5 M de sia akcio.

## Ŝanĝo en la Estona Abontarifo.

Est. kr. 3 (anstataŭ mark. est. 300).

## Tra Aŭstrio.

Varbpresaĵo kun 21 bildoj el la bela Aŭstrio. Eldonita de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko laŭ instigo de ĉefinspektoro H. Steiner. — Petu senpagan alsendon de Aŭstria Trafik-Oficejo, Wien I, Friedrichstr. 1. Pro troaltigo de la pezo ni bedaŭrinde ne povas aldoni ĝin al IPR.

## Liliput-Esperanto-Vortaro.

Esperanto-Deutsch, 10 000 vortoj, interparoloj sur 555 paĝoj; Deutsch-Esperanto; 12 000 vortoj, gramatiko, interparoladoj sur 629 paĝoj. Foliumante en la vortaroj oni kredas esti Gulliver en pigmea biblio: sur 5 cm alta paĝo 20 linioj. Tamen tre klaraj tipoj. Ĉiu volumo 1 M. Librejo Schmidt u. Günther, Leipzig, Hofmeisterhaus. Mendu nur per IPR.

## Centra Esperanto Librejo.

En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Anonima Societo „Centra Esperanto Librejo“ en Hago (Nederlando), la bilanco, perda- kaj gajnakonto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je 6% (antaŭan jaron 5½%). Kiel komisaro estis reeliktita s-ro Ravestein jr.

Centra Esperanto Librejo,
Bankastr. 2a, 's-Gravenhage, Nederlando.

## Alvokoj.

Fondiĝis „Filozofia Rondo Esperantista“. Kion ĝi volas?

Apartenas al la Esperanto-movado amikoj de la plej diversaj filozofiaj sistemoj. Progresemulo scias, ke estas bona, pliriĉigi seninterrompe sian pensaron per taŭgaj ideoj de aliaj. Tial la filozofiemaj esperantistoj rondiĝis, por interŝanĝe malfermi siajn internajn saĝtrezorojn. Afable disponigis por tiu la gazeto „Interniaro“ siajn paĝojn.

Interesuloj sin turnu al la organizinto: T. W. Teich,
landsekretario de la „Interniaro“
Hansa-Allee 249, Düsseldorf-Oberkassel.

Kolegoj instruistoj de matematiko, interesiĝantaj kaj dezirantaj partopreni la ellaboradon kaj praktikan elprovadon de l' matematika terminaro en Esperanto, estas petataj konigi sin al R. Sikorski,
Vrĥne-Piatnicka, 9, kv. 2, Smolensk, Sovet-Unio.